956




# BONAN TAGON

JORNAL

ESPERANTISTA ORGANO - AŬGUSTO 1982 N-RO 8 - 2-A JARKOLEKTO - REDAKTAS: CESAR D.SOARES
SOC.ESP."ALLAN KARDEC" - D-TO DE ESPERANTO - FERNANDO MACHADO, 885 - PORTO ALEGRE, RS

KINO

## CONAN, LA BARBARO

KREITA de la fekunda imagopovo de la usona verkisto Robert E.Howard en 1932, la legendo pri Conan, ia prahistoria heroo, reaperigis dum la 60-aj jaroj sub la formo de 65 poŝ-libraj malgrandaj noveloj.Poste, dank' al granda sukceso, ili estis bild-striigitaj kaj publikigitaj en centoj da ĉiu-tagaj gazetoj tra la mondo.Nun oni povas spekti la kinan version de la aventuroj de Conan, gvidita de John Millius, kiu diras: "Mi esperas, ke mi bone prezentas en la filmo tute realan sencon de la pagana moro".La prikina kritikisto Goida (gazeto "Zero Hora", Porto Alegre) jene resumis la historion prezentita en la filmo:"La legendo pri Conan, rabisto, militemulo, gladiatoro kaj finfine reĝo, elvoviĝas dum la Hiboreana erao, legenda prahistoria periodo rakontata per tre detala realismo.Arestita arkoraŭ infano de Thulsa Doom (James E.Jones), sacerdoto de la malica kulto al la Serpento, kiu estis mortiginta siajn gepatrojn, Conan (Arnold Schwarzenegger) ĵuras ilin vengi sub la glavo heredita de sia patro.Dek-kvin jaroj da suferoj pasis kun Conan unue ĉen-ligita al la "Rado de la Veoj" de iu muelejo kaj poste sklavigita kiel gladiatoro.Dum tiu periodo li modlas belegan korpon kaj nedresebl an spiriton.Iutage li estis mirakle liberigita kaj foriras kun Subotai, la Mongolano (Gerry Lopez) kaj Velerjo, la Reĝino de la Rabistoj (Sandahl Bergman) serĉante la instruon pri la "enigmo de la ŝtalo", nura maniero por venki Thulsa Doom.Li fintrovas, ke la respondo al la enigmo troviĝas nek en la glavo sed en la homo mem".
(Cesar D.Soares)

ESTIMATAJ LEGANTOJ

LAŬ-GRAFIKE kaj -arte "BONAN TAGON" estos ekde nun pli bona ol ĉiam dank' al la kunlaboro de unu el niaj plej novaj samideano: pseŭdonime Frato Paco,25-jara, sabata lernanto de progresa kurso.

TRA LA MONDO

BRAZILO - San-Paŭla Esperanto-Asocio, kiu jam de pluraj jaroj estas la plej aktiva loka Esperanto-Organizaĵo en la lando, prizorgas regulajn rubrikojn pri la Internacia Lingvo en du semajnaj kaj unu monata revuoj, legataj tra la tuta Brazilo.

USONO - En la malgranda urbo Provo (60 000 loĝantoj) en la usona ŝtato Utah, okazas tute vigla agado por Esperanto.Jam de pli ol dek jaroj ĉe la tiea Universitato de Brigham Young oni regule instruas la Internacian Lingvon.La kursgvidanto, d-ro Robert Blair, antaŭe havis facilan laboron, ĉar al la kursoj aliĝadis ĉiu-semestre nur dudeko da gestudentoj.Pasintjare okazis subita ŝanĝo, kaj al la Esperanto-kurso aliĝis tiel multe da studentoj, ke ne eblis akcepti ĉiujn, ĉar la maksimuma kapacito de la kurso estas 80 personoj.Ĉi-jare, denove, la kurso de d-ro Blair havas la maksimuman nombron de studentoj, kiuj lernas la Internacian Lingvon.
(Fonto: "Esperanto" jul-aŭg 1982)

## CONGRESSOS DE ESPERANTO: DUPLA FINALIDADE

Nestes dias em que a comunidade esperantista espalhada pelo mundo inteiro vive as repercussões da realização recente de mais um congresso mundial, o de número 67, em Antuérpia, Bélgica, vale lembrar as palavras de Giuseppe Grattapaglia, delegado-chefe da UEA no Brasil, sobre a dupla finalidade de um evento de tal envergadura, em palestra proferida tempos atrás na "Esperanto-Asocio de Brazilio":"Essencialmente dupla é a finalidade de um Congresso Universal de Esperanto.

- Por um lado, ele é uma ampla manifestação cultural que prova à sociedade, mais do que mil dissertações, a vitalidade de nossa língua e do movimento.É a vitrina de nossas conhecidas teses sobre a solução do problema linguístico mundial.
- Por outro lado, ele é uma oportunidade única para que sejam debatidos os problemas do movimento e a nossa estratégia mundial.É a fusão do mundo em um salão, o festival dessa parte idealística da humanidade que, de modo concreto, visa à união".

SOMERA KURSO DE ESPERANTO - DE LA 3-A ĜIS LA 28-A DE JANUARO, 1983.ĜIN DISKONIGU !

VIZIO DE L' ESTONTECO

En astrala sfero estas regiono,
kie vidas la spirit' l' efektiviĝon
de la idealoj, kiujn lia menso
nutris dum la viv' ankoraŭ sur la tero.

Iutage tien ankaŭ mi eniris
kaj ekvidis homojn el nacioj ĉiuj,
kunirintajn kaj kreantajn la projektojn
pri leviĝo de l' feliĉo de l' homaro.

Ĉiuj klasoj de laboro kaj de studoj,
de komerco kaj de arto paroladis
en nur unu lingvo, kun amplenaj vortoj,
siavice pri l' konkeroj atingitaj
kaj pri la ankoraŭ baldaŭ atingotaj.

Eŭropanoj, Azianoj kaj loĝantoj
de Afriko, Ameriko, Aŭstralio
interkompreniĝis ĉiuj kaj preparis
bonajn leĝojn de frateca kunvivado,
harmonia kunlaboro ĉiam-paca,
pri la vivrimedoj sur la ter' necesaj.
Anĝelĥoro kantis, ilin aprobante,
kaj mi preĝis: "Donu Di', ke Idealo
tiu ĉi surtere baldaŭ realiĝu!"

VISÃO DO FUTURO

Há uma região no astral onde o Espírito vê a realização dos ideais que a sua mente alimentou, enquanto ainda vivia na Terra.

Um dia também eu entrei lá e vi, reunidos, homens de todas as nações criando os projetos para aumentar a felicidade da Humanidade.

Todas as classes de trabalho e de estudos, de comércio e de arte falavam a seu turno em uma única língua, com palavras cheias de amor, sobre as vitórias atingidas e sobre aquelas que seriam dentro em pouco conquistadas.

Europeus e asiáticos, habitantes da África, da América e da Austrália compreendiam-se todos entre si e preparávam as boas leis do convívio fraterno, da cooperação pacífica e harmônica a respeito dos meios de subsistência necessários na Terra. Um coro angelical entoava cantos de aprovação e eu orei :" Permita Deus que este Ideal seja em breve realizado na Terra'!"

L.L.ZAMENHOF (1943)

(Poemo psikografie ricevita per la mediumo F.V.Lorenz, el la libro "Voĉoj de Poetoj el la Spirita Mondo", eldono FEB; enportugaliga teksto el la revuo "Reformador", okt.1980)

K O N S E R V A D O  D E  N A T U R O

ESTIS PREZENTITA en Romo la dokumento "MONDA STRATEGIO POR LA KONSERVADO DE NATURO". Prilaboris ĝin dum tri jaroj 700 spertuloj, sciencistoj, naturesploristoj, ekonomikistoj apartenantaj al cento da landoj. La iniciato venis el diversaj internaciaj organizoj, inter kiuj la Monda Fondaĵo por Naturo, sub la patroneco de Unuiĝintaj Nacioj, de la Organizo por Nutraĵoj kaj Agrikulturo (FAO) kaj de UNESKO.

Tri estas la celoj, pri kiuj la dokumento atentigas la politikistojn kaj la tutmondan publikan opinion: la protekto de la esencaj naturaj procezoj kaj de la sistemoj, kiuj ebligas la naturajn ekvilibrojn (fekundeco de la grundo, mara medio kaj vegetala terkovraĵo); lukto kontraŭ la malpliiĝo kaj la malriĉiĝo de la vegetalaj kaj animalaj specioj; ŝparema kaj racia utiligo de la naturaj riĉaĵoj, por ne difekti kapitalon limigitan kaj ofte ne reproduktebla.

Rilate tiujn celojn la referaĵo prezentas frapajn donitaĵojn. En la evoluintaj landoj ĉiujare oni detruas 30 000 kvadratajn kilometrojn da kultiveblaj terenoj (la naturo bezonas jarmilojn por rekonstrui malgrandan tavolon da fekunda grundo); en ĉiu horo oni konsumas en la tuta mondo 20 kvadratajn kilometrojn da arbaroj (laŭ ĉi tiu ritmo post malpli ol unu jarcento ne plu ekzistos la tropikaj arbaregoj); la erozio de la tersurfaco pro la forigo de arboj plenigas per tero la basenojn, kiuj liveras akvon kaj elektran energion, malpliigante je 50 % ilian kapablon. Rabaj fiŝkaptaj sistemoj malpliigas je 25 % la produktivecon de la maro; ĉasado minacas 40 % el ĉiuj specioj, dum kelkaj aliaj riskas estingiĝi pro la media malpuriĝo kaj la enurbiĝo. En la malriĉaj landoj la daŭra konsumo de ligno por hejmaj bezonoj kreas dezerton. La senzorga utiligo de kemiaj fekundigiloj kaŭzas difektiĝojn.

La dokumento pri la "Monda Strategio por la konservado de Naturo" proponas tutan aron da novaj teknikoj por la produktado, protekto kaj planado kaj instigas al internacia kunlaboro por helpo, informado, esploro kaj taŭga utiligo de la riĉaĵoj. Sen nova "media etiko" - konkludas la referaĵo - la homaro estas kondamnita je sindetruo. (el la revuo "La Migranto", jun.1980, oficiala organo de la "Esperantistaj Naturamikoj" - FR Germanio)

SOMERA KURSO DE ESPERANTO
de la 3/1 ĝis la 28/1/1983
Ĝin diskonigu!

## VOLAS INTERAMIKIĜI

GERMANA KOMENCANTO, 33-jara, gimnazia instruisto pri biologio kaj kemio, ŝatus korespondi pòr perfektigi sian lingvoscion kaj skribe diskuti pri ĉio ajn: Horst Paffen, Alfred-Delp-Str. 12, D-4019 Monheim, FR Germanio.

KUN GEJUNULOJ volas korespondi kaj interŝanĝi revuojn k poŝtmarkojn 19-jara ĉiliano: Héctor Campos Greg, Casilla 231, Curicó, Ĉilio.

ĈIAM KAJ KONSTANTE akceptas korespond-proponojn kun japanoj: Japana Esperanto-Korespondo-Servo, ĉe KLEG, Sonehigasi 1-11-46-204, Toyonaka-si, 561 Japanio.

MI LERNAS ESPERANTON, ĉar mi volas trovi amikojn en ĉiuj landoj. Mi estas 18-jara gimnazianino: Klara Natki, Killian út. 8, H-8154 Polgárdi, Hungario. Mi antaŭĝojas pri via letero !

## 15-A BRAZILA SEMINARIO DE ESPERANTO

INTER la 23-a kaj la 26-a de julio okazis en Uberlândia, ŝtato Minas Gerais, la 15-a Brazila Seminario de Esperanto, arangita de "Kultura Kooperativo de Esperantistoj (Rio-de-Janejro), unu el niaj tri landaj E-asocioj. Laŭ informo de samideanino Nydia A Krieger, ĉirkaŭ 300 personoj partoprenis tiun, kiu estas sendube la plej grava evento de la brazila esperantistaro

## ESPERANTO, HOJE

DAS CINCO MIL LÍNGUAS EXISTENTES NO MUNDO, O ESPERANTO É UMA ENTRE AS 150 MAIS FALADAS E UMA ENTRE AS TRINTA OU QUARENTA LÍNGUAS COM MAIOR PRODUÇÃO LITERÁRIA. EM TERMOS DE DISTRIBUIÇÃO DE FALANTES AO REDOR DO MUNDO PROVAVELMENTE SEJA A TERCEIRA. A "UEA" ("UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO") P. EX. TÊM MEMBROS EM MAIS DE CEM PAÍSES DO MUNDO.

SOMERA KURSO DE ESPERANTO gin diskonigu !

## INGLÊS: SOLUÇÃO ?

"Se o inglês fosse a solução justa para o problema da língua internacional, como esclarecer que o movimento esperantista progride nos Estados Unidos e que o Reino Unido é o país onde ocorreu o mais alto número de congressos universais de Esperanto? Como esclarecer que o problema linguístico na ONU se torna cada vez mais agudo, em vez de ser resolvido? Como sabemos, nessa Organização as línguas oficiais e ao mesmo tempo "detrabalho" já são seis: inglês, francês, espanhol, russo, chinês e árabe" (Walter Francini, in "Esperanto sem Preconceitos", 1976)




"NI ESTAS filoj de Dio kaj heredantoj de la jarcentoj, akirante konojn, de sperto al sperto, jmilon post jarmilo. En la Universa Templo de la Eternulo ne estas nepotismo kaj ĉiuj fortoj de la Kreitaĵaro perfektiĝas en la Senfino. La krizalido de konscienco, kiu kuŝas en la kristalo rulanta en la riverfluo, tie troviĝas en liberiĝa proceso; la arboj multfoje altiĝantaj dum centoj da jaroj, eltenantaj la rigorojn de la Vintro kaj ricevantaj la karesojn de la Printempo, konkeras memoron; tigrino, kiu lekas siajn ĵuskaskitajn idojn, lernas rudimentojn de amo; simio, kiu blekas, organizas parolkapablon. Vere Dio kreis la mondon, sed ni ankoraŭ restas for de la kompleta verko. La estuloj, kiuj loĝas en la Universo, dum multe da tempo verŝos ŝviton por ĝin plibonigi. Tiel ankaŭ la individuo. Ni estas kreitaĵoj de la Dia Aŭtoro kaj ni devas nin tute perfektigi. La Eterna Patro starigis kiel universanleĝon tion, ke la perfektiĝo estu verko de kunlaborado inter Li kaj ni, liaj infanoj". ( el la libro "En pli Granda Mondo", de la spirito Andreo Ludoviko )

### VORTARETO

| | |
|---|---|
| heredantoj = "herdeiros" | lekas = "lambe" |
| konoj = "conhecimentos" | ĵusnaskitaj = "recém-nasc." |
| sperto = "experiência" | simio = "macaco" |
| nepotismo = "favoritismo" | verko = "obra" |
| rulanta = "que rola" | estuloj = "seres" |
| troviĝas = "encontra-se" | verŝos = "derramarão" |
| multfoje = "muitas vezes" | ŝvito = "lágrima" |
| eltenantaj = "que suportam" | kreitaĵoj = "criações" |
| konkeras = "conquistam" | starigis = "estabeleceu" |

### PROVERBOJ

TAGO TAGON SEKVAS, sed ne similas. //Lupo lupon ne manĝas. //PROPRAN ĜIBON neniu vidas. //BONFARON ONI facile forgesas. //Kion oni volas, tion ONI POVAS. //Antaŭ mortigo de urso ne vendu ĝian felon. //NE JUĜU pri afero laŭ ĜIA EKSTERO. //Per promesoj ESTAS PAVIMITA la infero.

## LA ESPERANTO-MOVADO EN 1981

LA JARO 1981 pro pluraj kialoj estas signifa jaro por UEA kaj por la Movado ĝenerale. Ni menciu la malfermon de nova oficejo en BUDAPEŜTO. Tio montras, ke la malcentrigo de la UEA-laboro estas sisteme daŭrigata. Eĉ pli grava estas, ke la Asocio unuafoje sukcesis okazigi sian kongreson en la suda hemisfero, en LATIN-AMERIKO. La spertoj de la 66-a Universala Kongreso montras, ke la movado havas rimarkindajn fortojn en SUD-AMERIKO. La rezultoj de tiu kongreso devas nin kuraĝigi por pli ofte aranĝi la plej gravan Esperanto-eventon ekster EŬROPO. Tio estas la plej efika rimedo ne nur por ligi la ekstereŭropajn esperantistojn al UEA, sed ankaŭ por unuigi la movadajn fortojn tutmonde. La rekorda membronombro de la Asocio tutcerte havas rektan rilaton al la 66-a UK. Kvankam la mondaj cirkonstancoj ne estas la plej favoraj por la antaŭenigo de la Movado, ni devas strebi, por trovi ankoraŭ neeluzitajn eblecojn, kiel ni sukcesis en 1981 sur pluraj kampoj.

Landa kaj regiona agado – Pluraj signoj montras, ke la agantoj por la Internacia Lingvo pli kaj pli konsciiĝadas pri loka kaj landa agado, kaj ke oni ekuzas la energion de la Movado por nia primara tasko, tio estas por la vastigo de la nombro de parolantoj de la Internacia Lingvo. La gvidantoj de eŭropaj (kaj okcidentaj kaj orientaj) landaj asocioj pli kaj pli atente ellaboras planojn celantajn informi la ĝeneralan publikon, aŭ pli mallarĝe difinitajn partojn de ĝi, elirigi siajn asociojn el la socia izoliteco kaj el la membronombra stagno. Ili ja sentas ke la nuna situacio ne estas kontentiga. Grandan agemon tiudirekte oni renkontis dum la pasinta jaro en BELGIO, FRANCIO kaj ambaŭ germanaj ŝtatoj. En FR GERMANIO la movado ŝajnas retrovi siajn plej bonajn momentojn. en GERMANA DR oni sankciis la pligrandiĝon de la esperantistaro per nova pli alta organiza statuso. Reorganiziĝo okazis ankaŭ en BRITIO, kaj en HISPANIO la nova estraro sukcesas stimuli aron da agadoj. Ne eblas, tamen, silenti pri nepre plibonigendaj situacioj, kiel ekzemple en AŬSTRIO. Zorgodona, pro aliaj kialoj, estas la stato de la movado en POLLANDO. Oni povas nur esperi, ke la lastatempaj eventoj ne havos tro negativan influon al unu el niaj plej fortaj landaj asocioj. La Universala Kongreso en BRAZILO estis okazo por pluraj movadaj gvidantoj proprokule renkonti novan movadan "amason". La kvanto, kvalito kaj juneco de la brazilaj, kaj pli ĝenerale sudamerikaj, esperantistoj surprizis ĉiujn. Ilia "malproksimeco" de alikontinentaj esperantistoj tamen ekzistas, kaj UEA devas venki ĝin, se ĝi deziras meriti la epiteton "universala" en sia nomo. Tiu salto ekster EŬROPO estas nun unu el niaj ĉefaj problemoj, ĉar dum ni trankvile kultivis nian eŭropan ĝardeneton, grandaj movadoj ekestis ne nur en SUDA AMERIKO sed ankaŭ en AZIO, kiuj postulas pensadon pri iu Nova Esperantista Komunika Ordo en la tutmonda movado. Ankoraŭ pli forbarita restas la soveta esperantista "kontinento". Temas pri miloj kaj miloj da homoj, por kiuj oni ankoraŭ ne sukcesas trovi taŭgan kaj funkciantan organizan strukturon, kiu ebligus interŝanĝojn kaj amikecajn ligojn kun la cetera mondo. Pli solidiĝis dum la pasinta jaro ankaŭ la tiel nomata "regiona agado", tio estas la agado celanta helpi izolitajn esperantistojn en landoj sen organizita movado. En AFRIKO anonckampanjo en kenja gazeto alvenigis al ROTERDAMO plurajn dekojn da informpetoj. Dank' al la laboro de areto da sindonaj homoj, ekestis vigla korespondado en la sŭahila kun la informpetintoj. Sekve, deko nun lernas la Internacian Lingvon. La kampanjo estos baldaŭ refarita kaj en kenjaj kaj en tanzaniaj gazetoj. Ankaŭ en ZAIRIO io, tamen, moviĝas, dank' al surlokaj agantoj. La plej impona sukceso en AZIO estis la fondo de Federacio Esperanto de Bharato (HINDA UNIO), okazinta komence de ĉi tiu jaro. Daŭris, krome, la laboro de K.Kikuŝima, por helpi izolitajn esperantistojn de sud-aziaj landoj. Ekde nun ŝi estos helpata de Japana Esperanto Instituto, kio montras, ke japanoj transprenas parton de la poresperanta laboro en la ĝenerala intereso. Resume, oni rajtas diri, ke 1981 estis jaro de reorientiĝo en la agado fare de pluraj landaj asocioj en EŬROPO kaj jaro de progreso ekster EŬROPO. (el la UEA-Raporto pri 1981)

